# BOLETÍN

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## El Ferrol - Kongresurbo por 1976



Enirejo al la digo

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, n° 13, 3° n° 7 - Telf. (91) 446 80 79 – MADRID-15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galbany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 – BARCELONA-14.
**Comité Provisional de Redacción:** D. Liberto Puig, D. Giordano Moya, D. Vicente Hernández, D. Gabriel Mora Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis Izaguirre, D. Rafael Herrero y D. Juan Devís.


## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Srt. Rodríguez San Pedro, 13 – 3°, 7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 – 7°
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 – 8°
MADRID-20

H.E.F.–Ĉekkonto: N° 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
P° Marina Moreno, 35 – 4°
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankau ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.

---

Se ruega a todos los asociados que aún no hayan satisfecho sus cuotas del corriente año 1976, remitan el importe de las mismas por giro postal directamente al Tesorero (Gerardo Flores, Avda. del Presidente Carmona, núm. 2, Madrid-20), o bien, **a nombre de la Federación Española de Esperanto**, por giro postal o transferencia bancaria, a la cuenta corriente núm. 8.362-271 en el Banco Español de Crédito (Diego de León, núm. 54, Madrid). Se insiste en que la cuenta está a nombre de la Federación, no del Tesorero. No conviene utilizar talones o cheques, por los elevados gastos que, en proporción, originan; pero, de utilizar este medio de pago, los talones deberán extenderse a nombre del Tesorero. Muchas gracias.

**Gerardo Flores, Kasisto de HEF**

# Saluto de la nova redakcio

Kiaj ideoj kuŝas en nia kapo? Certe estas la unua demando, kiun vi, legantoj de "Boletín", ekpensis, sciinte pri nova Redakcio. Pro tio, oni estas necese rompi trafe viajn dubojn, tiel ke la ligiloj inter vi kaj ni, estu ekde nun intimaj kaj sinceraj, kaj se eblas pli intenca ol entaŭ. **Nia rolo estas servi vin.** Tion ni deziras certigi al vi, kaj se estas necese, ni presigos tiujn vortojn en ora literoj en nia Redakciejo. Kiamaniere oni povos realigi tiun servon? Al vi koncernas indiki al ni, **kiel ni povas servi vin pli bone.**

Nun ni prezentas la unuan redakcian laboron al via konsidero; skeme estas tre simila al la aliaj E-revuoj, sed iom post iom, ni esperas atingi propran reliefon. Kiamaniere? Impulsante nian Federacion al pli energia aktivado en ĉiuj branĉoj: Blindula, Fervojista, Junulara kaj Turisma Sekcioj; Eldona Fako, Libroservo, Fonduşo Esperanto kaj Junulara Restadejo. Ciuj menciitaj organoj, devas nepre, plenkonsciiĝi pri iliaj propraj energioj kaj agi konsekvence. Ni deziras dediĉi regulan spacon de la bulteno pri niaj sekcioj kaj servoj; plie aperigi serion de literatura kunlaborado —originala kaj tradukita— pri poezio kaj prozo; ankaŭ estos publikigitaj: rezencoj, internaciaj informoj, lingvaj klarigoj kaj cetere.

Bone ni plenkonscias, ke ekster nia Federacio, ekzistas multaj esperantistoj, kiuj ne partoprenas nun, en nia komuna agado por enkonduki Esperanton al ĉiuj kulturaj niveloj kaj en la internaciajn organizojn de nia nacio. Ili bone agis per propra iniciativo en aliaj kadroj —meritas apartan mencion ekzemple "Hispana Esperanto-Muzeo en San Pau d'Ordal—. Sed estus dezirinda, ke ĉiuj rekonsideru tiujn antaŭajn poziciojn, ĉar kiel majstre diris G. Mora Arana je la fino de sia prelego dum la lasta Hispana Kongreso de Lerido: "NENIAM NI DEVAS FORLASI KAJ LA TASKON KAJ LA ESPERON". Laŭ nia humila traduko, nia "tasko" estas **instrui Esperanton**, kaj nia "espero" estas: **amikiĝi kun ĉiuj homoj, sen konsidero pri nacieco, raso, religio, politiko aŭ lingro.**

Malfacilaj celoj, eble jes, sed ne neeblaj. Kiaj el la du celoj estas pli urĝa kaj meritinda? Sincere ne ekzistas kvalita diferenco inter ili, ĉar nia ĉiutaga sperto montriĝas, ke nur, kiam ni donas al niaj konatoj **Esperanton kaj Amon kunigitaj**, vere sukcesas nia idearo. Kaj nenion plu. La Redakcio atendas viajn sugestojn kaj sendas al vi, karaj legantoj, fratan saluton.

*S. Aragay*

# Enlanda Forumo

Interkonsente kun nia nova ĉefredaktoro, mi akceptas prizorgi la intergrupajn rilatojn, kiuj, laŭ mia opinio, estus dezirinde ke ili konsistu ne nur el raportoj pri okazintaj aranĝoj, sed ankaŭ pri diskonigo de okazontaĵoj kaj ĉefe pri daŭra interŝanĝo de spertoj kaj sugestoj. Tiel ni profitos aliajn sukcesintajn spertojn kaj evitos tiujn fiaskiĝintajn.

Nian bultenon ni uzu kiel enlandan forumon, kaj per ĝi, ni plektu unuecan kaj respondecan movadon daŭre celantan al plibonigo de niaj metodoj je ĉiuj niveloj, instrua-informa kaj varba.

Estas sufiĉe malfacila kaj temporaba tasko, pretigi vastan laborplanon kaj cetere ĝin realigi per niaj ankoraŭ modestaj fortoj. Ni enpaŝu diskrete en nian komunan laboron, sed persiste.

Kiel unua, mi malfermas nian rubrikon per jenaj proponoj:

**ZAMENHOF –TAGO**

En ĉi-tiu bulteno oni raportas pri nia tradicia festo, sed ni konstatas kun bedaŭro, ke malmultaj Grupoj ĝin celebras. Eble aldoniĝos alia Grupo, kies raporto senvole malfruiĝis; tamen, tio tute ne gravas, nepre ĝin sendu kaj ni ĝin aperigos en venonta bulteno.

Nia alvoko celas ja tiujn Grupojn, kiuj ne festis nian solenaĵon Ke ili jam de nun decidu kaj pripensu ĝian venontjaran okazigon. Kion fari kaj kiel? Eble ni povus kunlabori se vi informus nin pri via situacio. Skribu tuj al mi!

**VIII-a FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO**

Niaj samlandanoj plej proksime loĝantaj al Tarbes (Francujo) devas jam de nun antaŭvidi sian ĉeeston al la anoncita aranĝo, kiu okazos en majo. Ankaŭ la gesamideanoj pli proksime loĝantaj el la franca landlimo estos kompreneble tre elkore bonvenigataj de niaj najbaraj gastigantoj.

**PREMIO "KLARA SILVERNIK"**

Ni legas en la bulteno de "Centro de Esperanto Sabadell", ke la ĉijara Festo okazos la 23-an de majo en la "Hispana Esperanto-Muzeo" de San Pablo de Ordal, kaj de nun, la Premio "Klara Silbernik", la sola premio en la mondo favora al la edzino, kiu plej abnegacie helpis sian edzon en lia agado por Esperanto, fariĝas nacia premio. Ni invitas ĉiujn hispanajn gesamideanojn ĉeesti ĉi-tiun tre emocian kaj agrablan feston, kaj ankaŭ kunlabori pri sendado de kandidatigaj proponoj, kiuj devas alveni ĝis la 15-a de aprilo.

Mi atendas viajn skribaĵojn. Tre koran saluton al ĉiuj.

*Liberto Puig Gandía*

# EL FERROL

## ĉi-jara kongresurbo de la hispanaj esperantistoj

## 21-a ĝis 24-a de julio

Galegio, loĝata de gento el Kelta deveno, dounkampara, duonmarista, per tria fojo estos kunvenejo de hispana kongreso de Esperanto. Du urboj Pontevedra kaj Vigo jam estis sidejoj de esperantistaj kongresoj. Baldaŭ El Ferrol estos la tria. Pontevedra, Vigo, El Ferrol, tri maraj urboj, havenaj, rigardantaj Amerikon. Tri urboj el Galegio, hispana regiono kun propra individueco, kun propraj moroj kaj propra lingvo.

Verda Galegio, montara kun milde leviĝantaj deklivoj, pluvema, arbara kaj paŝtista, sovaĝaj la eksteraj marbordoj kie rompiĝas la ondoj, serenaj la internaj. La maro penetras la teron kaj la tero enirante la maron alfrontas la ĉiam puŝantajn grandajn ondojn, la ondegojn de la Atlantika Oceano. Impeta la ekstera maro, kvieta kaj milda la interna. La maro ĉirkaŭvolvita en la enfluejoj, la nomataj tie "inaj" riveroj. Brakoj pulpaj el la Oceano, la nomataj inaj riveroj, riĉaj je fiŝoj, estas grandegaj naturaj havenoj, kiuj enhavas ĉe siaj senondaj marbordoj fiŝkaptistajn kaj maristajn urbojn kaj bonajn plaĝojn.

Ĉe granda enfluejo, la plej bona el la havenoj donacitaj de la naturo, sidas la urbo El Ferrol, nia ĉi-jara kongresurbo de Esperanto. Urbo de maristoj, ŝipkonstruado, ŝirmejo de la armeo, mara kaj industria urbo, heroa urbo kiu brave defendis sin kontraŭ atakoj de eksterlandaj armeoj. Ĝi naskis altrangulojn en ĉiuj branĉoj de la scienco kaj famegajn maristojn. Sed pri tio, kio la ferrolanoj estas pli fieraj estas, ke El Ferrol naskis Concepción Arenal, la virino, kiu tiutempe, kiam ankoraŭ en nia lando la virinoj restis enŝlositaj en siaj hejmoj sen iu ajn influo intelekta nek socia, kuraĝe batalis por

humanismo, precipe kontraŭ la nehumanaj karceraj kondiĉoj kaj agis favore al la malriĉuloj. Ankaŭ El Ferrol estis sidejo ĉe la komenco de nia jarcento de Kongreso pri Paco. Kvazaŭ ni, post tiom da tempo sekvos ĝin, ni celebros en El Ferrol la XXXVIa Hispanan Kongreson de Esperanto. Per nia neŭtrala lingvo ni alte levos la verdan standardon, kiel interkomprenilon de pacigo por ĉiuj homoj.

Oni ne scias, kiu estas la deveno de la nomo El Ferrol. Pro la lanterno kiu sidas sur ĝia ŝildo oni supozis, ke la nomo El Ferrol devenas de lanterno el mara lumturo, do ĉe la enirejo de la enfluejo staras monto nomata "Montefaro", sed pri tio oni ne estas certa, eble kiel ĉiu geografia nomo, ĝia deveno perdiĝas en la nebulon de la pratempo.

Jam antikve, la enfluejo de El Ferrol estis konata haveno, kiun oni nomis "Haveno de la Suno", tial ke la maristoj tie ŝirmis sin dum la oftaj martempestoj kaj okazaj renkontoj kun malamikaj ŝipoj kiam preterveturis per malgrandaj ŝipoj la riskajn marbordojn de la Kantabra Maro.

Karlo la Kvina, en 1520, por deiri de La Coruña al Flandes, koncentris tie, en El Ferrol, grandan kvanton da siaj armeo kaj ŝipanaro. La princo Filipo kiu poste regis Hispanujon sub la nomo Filipo la Dua enŝipiĝis en El Ferrol en julio de 1554 por edziĝi en Anglujo kun kiu estis lia edzino Maria, filino de "Henriko la Oka kaj Katalina de Aragono". Dum la regado de tiu reĝo El Ferrol jam atingis konatan gravecon.

Ĉe la fino de la XVIIa jarcento la reĝo Filipo la Kvina deklaris El Ferrol ŝipdepartemento de la Nordo, kaj ekde tiam, ĝia haveno ĉiam senhalte prosperis.

La unua konstruado de ŝipoj en El Ferrol okazis ĉe la proksima marbordo de Villa de la Graña, kie de la jaro 1730-a ĝis 1735-a oni konstruis la ŝipojn "Galicia" kaj "León" ĉiu el la du kunportante 70 kanonojn. Poste ĉe la marbordo de la golfeto Karranza, ekster la remparoj de la antikva Ferrol, oni starigis la unuajn ŝipkonstruejon el kiuj eliris la pasaĝer-ŝipo "San Miguel", la ŝipoj "San Fernando", "Castillo", "Asia" kaj la fregato "Galgo". En 1751, la Arsenalo jam estis konstruita.

El Ferrol pro la situo kaj haveno forte suferis dum milittempo. En 1800 angla ekspedicio el 18.000 homoj kaj proksimume cent ŝipoj atakis la urbon. La defendantoj estis nur 2.000 soldatoj kaj oni devis armi la civilulojn. La kuraĝa loĝantaro de El Ferrol ne nur heroece defendis sin sed eĉ atingis forigi la anglojn venkitaj.

El Ferrol estas fama pro la bona konstruo de la ŝipoj, speciale la militŝipoj. Ili estas tiel bone konstruitaj, ke eĉ post ĝia utila tempo de servado restas kvazaŭ novaj, pro tio ili estas konsiderataj la plej bonaj el Eŭropo.

La ferrolanoj, kiel kutimas la galegoj, pro sociaj faktoj devas ofte elmigri. Ili ĉie estas taksataj bonaj laborantoj kaj metiistoj.

Malproksime de ilia naskiĝlando, la ferrolanoj ĉiam rememoras siajn urbon, morojn, dancojn kaj muzikon. Ili ne diras, ke ilia urbo El Ferrol estas la plej bona el ĉiuj, sed diras, jes! , ke ĝi estu la plej gastama urbo el Hispanujo.

Hispanaj esperantistoj! Ni amase ĉeestu al Ferrol. Tie ni vidos belegajn pejzaĝojn kvazaŭ ni troviĝus en la nordo de Eŭropo kaj vidus la fjordojn de Norvegujo. Ni interrilatos kun la galega popolo, unu el la plej gastama kaj signifoplena el nia lando. Ni tie semos en fekundan grundon la esperantistan semon kun la certeco, ke ĝi baldaŭ fruktos.

G.M.

# NUR HOMO

Far Petro Nuez

**Prelego okazinta la 21-an de decembro de 1975, en "CENTRO DE ESPERANTO SABADELL", je la naskiĝtaga datreveno de Doktoro L. L. Zamenhof.**

En la tuta mondo, je la monato decembro, kiam alproksimiĝas la naskiĝa datreveno de la kreinto de la Internacia Lingvo, la Esperanto-Movado organizas prelegojn, teatraĵojn, artajn festivalojn, inaŭguras ekspoziciojn, prezentas filmojn, kaj tiel plu, por celebri tiun grandan eventon, ĉar tre grava estas la tago 15-a de decembro de la jaro 1859-a kaj por la homaro kaj por la historio, kvankam milionoj da homoj absolute ne scias kio okazis tiun tagon.

Dum preskaŭ naŭdek jaroj multon oni verkis kaj paroladis pri Lazaro Ludoviko Zamenhof. Dum tiu longa periodo, aperis miloj da artikiloj verkitaj de la plej eminentaj esperantistoj, kiuj priskribas la genian projekton de doktoro Esperanto, analizas liajn rimarkindajn valorojn poetikajn, esploras liajn majstrajn tradukojn de la klasika literaturo, juĝadas liajn elstarajn lingvistikajn kvalitojn, tamen ili apenaŭ raportas al ni pri lia karaktero, pri liaj spiritaj kvalitoj. Sed. kiaj estis liaj sentoj? Kiujn vivo-perceptojn li havis? Ĉu li estis sentimentala? Ĉu stoika? Ni deziras koni ankaŭ la dorson de la monero: taksi lin tiel kiel li estis, ne ekzameni la geniulon sed nur la simplan homon!

Laŭ la filozofio kaj psikilogio, ĉiu homo estas la rezulto el la ĉirkaŭanta etoso, kie la individuo vivadas kaj edukiĝas. Kaj Lazaro Ludoviko ne estis escepte el tiu natura regulo.

Por povi kompreni kaj taksi en ĝia ĝusta valoro la karakteron, la distingajn moralajn ecojn de doktoro Zamenhof, ni devas agi kiel bona specialisto pri kirurgio, malfermante aperturon en liaj cirkonstanca kaj rilata familia medio.

La 15-an de decembro de la jam menciita jaro, la unua plorado de la ĵus naskita Lazaro trakuras la dormoĉambran aeron. Li estas la unua filo de la juna geparo Marko kaj Rozalia. Kiom da ĝojo por la gepatroj! Tiu eta bebo, kun ankoraŭ fermitaj okuloj, ne perceptas ke li

fariĝos unu el la plej honorindaj bonfarantoj por la homaro, nek la gepatroj konscias tion.

Jen, ŝajnas providenca koincido: li naskiĝas ĉe la strato "Zielona", kio signifas en esperanto, la "Verda strato"; jes, la verda koloro kio estas la standardo de la espero, tiu granda interna espero de nia majstro, kiu esperis ke la homoj amu unuj la aliajn.

Li loĝis dum tuta sia infaneco en la sama hejmo, malbela ligna dometo konsistanta el nur tri ĉambroj. Konforto tute mankis. La pavimo de la strato, je pluvemaj tagoj, estis vera kaĉo el koto; je sunigitaj aŭ ventemaj, amaso da polvo. L'akvon oni devis porti per siteloj el la publika iom distanca fontano; simile, sed male, okazis pri la ruboj kaj pispotoj.

Poste, en sekvontaj jaroj, naskiĝis aliaj sep homidoj. Multe laboradis la patro por nutrigi ok gefilojn. Manĝajojn ne abundis. La spaco estis malvasta. Marko, la patro, estis tre severa, eĉ preskaŭ patologie severa. Tamen inteligenta kaj entreprenema, Li estis ordema, preciza, rutinema kaj tre rigora. Iu ajn eta malbonkonduto de iu filo estis severe punita. Lia preferata metodo por puni infanon estis malpermesi al ĝi je manĝo. Tamen, por la infanoj, la plej timata punejo estis la studoĉambro de la patro. Tie, la punato restis tute sola, izolita, dum horoj enfermita, kaj la infanoj multe timis la malhelecon kaj izolitecon.

La patro estis la patriarko de la familio. Liaj gefiloj obeis, respektis kaj timegadis lin. Ĉiutage, la gefiloj kisis lian manon, ĉar tiun estiman geston —tiel bela, se spontana— li ordonis.

Marko estis racio; kontraste, Rozalia estis amo. Ŝi estis milda, amema, karesema, kaj por la edzo kaj por la geinfanoj. Dum la vivo, ŝi multe suferis, ĉar judino loĝanta en subprenata lando devis multon toleri kaj akcepti. Kaj tio donis al ŝi specialan animstaton, firmigis en ŝi la toleremon, la humilecon, la karitaton, la rezignacion; unuvorte, ami la proksimulon kiel sin mem.

Ĉiam, kiam post puno, infano eliris el la studoĉambro, Rozalia troviĝis ekstere, ĉe la pordo, por konsoli ĝin, ĉar ŝi konsideris, ke la kisoj kaj karesoj estas la unika rimedo por eduki kaj direkti ilin al plej bona konduto.

Patro kaj patrino multe influis en la formiĝo de lia karaktero. El la patro li lernis la laboremon, la konstantecon, la bonkonduton; ankaŭ la patra seriozeco igis lin tia. Tamen, Lazaro estis gaja infano. Multfoje, li, en la malvasta hejmo, kantis, mimikis kaj parodiis por gajigi kaj amuzi siajn etajn gefratojn.

La mildeco de la patrino penetris en lian animon, kaj el ŝi, li lernis la ĝentilecon, la paciencon, la toleremon, kaj precipe la grandan amon al la homoj kaj al la bestoj.

Zamenhofon oni baptis laŭ la juda rito, nomante lin El'azar, kies transkribo en la rusan oficialan lingvon, ĉe la tiama Pollando, estis Lazar. Laŭ hebrea tiea kutimo oni aldonis duan vicnomon sed kristanan, kiu komenciĝu per la sama litero.

Dum lia infaneco, kiam Zamenhof loĝis en sia naskiĝurbo Bjalistoko, oni vokis lin Lazaro, sed ekde kiam li kun la tuta familio translokiĝis al Varsovio, li alprenis la duan nejudan nomon Ludoviko, tiel li povis vivi pli trankvile inter la kristanoj. La familianoj vokis lin karese "Luĉjo"

Unu el la plej elstaraj karakterizoj de Lazaro estis liaj lojaleco kaj sincereco. Jen ekzemplo: iun vesperon, post lerneja klaso, dum infana ludado, bela hundoforma paperpremilo kiu staris sur la skribotablo de la patro, falis planken kaj rompiĝis. Neniu gefrato certis, kiu kulpis. La patro, kun sia kutima glacia severeco, demandis al la tremantaj filoj, "kiu rompis la statueton? ". Lazaro por eviti ke iu el siaj gefratoj ricevu rigoran patran punon, respondis "mi". Marko, konstatante lian honestecon kaj kuraĝon, en tiu okazo ne punis lin.

Ĉiuj gefratoj multe amis Lazaron. Por ili, li iĝis, iasence, ilia dua patro; li kons-

tante donis al siaj gefratoj multan amon, karesojn, konsilojn kaj helpon.

Kiel judo kaj polo, Zamenhof multe suferis spirite, vidante en sia lando, la tiranecon de la politika reĝimo carisma, kiu premis kaj sufokis la popolon malriĉan kaj nekleran. La despota centralizo de la rusa imperialismo malpermesis la uzon de la pola lingvo je ĉiuj kulturaj aktivecoj kaj ĉe la universitato, kaj eĉ la vorto "libereco" en iu prelego aŭ verko estis konsiderata de la cenzuristoj kiel kontraŭreĝima esprimo.

En tiu etoso de luktoj kaj malfidoj, malpermesoj kaj maljusteco, li kreskis kaj fariĝis matura homo. Ĉio influis la penson, sintenon kaj agmaniero de lia temperamento, kaj la eksteraj cirkonstancoj de la landa medio, kaj la milda amplena karaktero de la patrino.

Deknaŭjara, la nuna Ludoviko, ne plu Lazaro, vojaĝas al Moskvo por studi ĉe la universitato. Du jarojn poste, pro manko da mono, li revenas al Varsovio, kie en tiea universitato estas akceptita kiel medicina studento, kio estas la unika liberala profesio permesita al judoj.

Li decidis helpi suferantajn homajn korpojn, kaj intence persistis en siaj studoj pri medicino.

Kiam li estis 25-jara, tio estas, je januaro de la jaro 1885-a, Zamenhof doktoriĝis.

En malgranda litova urbo, li eklaboris kiel kuracisto, Tie loĝis lia fratino Fania kaj bofrato, kiu estis apotekisto, iama studenta kamarado en Moskvo de Ludoviko.

Zamenhof multe suferis spirite vidante la malriĉecon de la pacientoj. Ofte li rifuzis akcepti honorarion, kaj male, multfoje la mizero de la vizitata hejmo tiel forte kortuŝis lin, ke donacis rublon por ke la familianoj de la malsanulo aĉetu nutraĵon aŭ medikamenton.

Ciam li estis preta helpi aliulon. Li estis tro kompatema, eĉ ekscese. Por ke ni konstatu lian bonkorecon, ni rememoru epizodon: pro doma brulado, restis sen hejmo tuta familio; do, li tuj donacis sian tutan monhavon al tiu familio, eĉ petis monan prunton al riĉa kliento sia por pagi la translokiĝon al alia urbo de tiuj senhejmaj gepatroj kaj gefiloj.

La tiama medicino ne estis tiom ekflora kiel la nuna. Zamenhof, same kiel tiamaj kuracistoj, posedis malmultajn rimedojn kaj medikamentojn por kontraŭstarigi malsanojn. Multaj infanoj kaj maljunuloj mortadis.

Tiom da sufero, doloro kaj mizero, ege impresis la delikatan sentemon de doktoro Zamenhof, kaj finfine li devis forlasi la kuracistan postenon. Sed, tio kio decidigis lin pri nova kariero, estis la morto de knabineto. Li konkludis, ke lia temperamento ne estas taŭga por ĝenerala kuracado, ke devas elekti alian medicinan fakon, ĉar tiaj ĉiutagaj tragedioj suferigis ege lin.

Dum sep monatoj li studis oftalmologion en Varsovio ĉe la hebrea hospitalo. Poste, li restis en la malriĉa juda kvartalo. Tie, ekde frumatene ĝis nokto, vizitadis dekojn da malsanuloj, enspezante malmulton aŭ neniom, pro lia tro kortuŝema karaktero.

Eĉ, kiam li estis ja fama, konata en la tuta mondo, kiel la kreinto de Esperanto, doktoro Zamenhof rifuzis okulistan postenon en Parizo, oferitan de la plej eminentaj francaj esperantistoj, kie, certe, per unu sola vizito al riĉa kliento, li estus ricevinta pli da mono ol dum tri monatoj en Varsovio.

Li respondis, ke en Parizo ja estas sufiĉaj okulistoj, kaj tie kie vere oni bezonas lin, estas en la juda malriĉa kvartalo.

Mi klopodis prezenti doktoron Lazaro Ludoviko Zamenhof nur kiel simplan homon!

La esperantologoj, akademianoj kaj la kvazaŭakademianoj eterne diskutas pri Zamenhofa lingvo-uzo aŭ pri logikaj gramatikaj formoj. Por ili nur gravas la strikta fendado de hareto. Neniu el ili kapablas analizadi kaj sekvi la ekzemplon de doktoro Zamenhof rilate la toleremon, paciencon, bonkorecon kaj konkordon liajn.

# KUNSIDO DE LA REPREZENTANTOJ DE ESPERANTO-GRUPOJ DE KATALUNIO KAJ BALEAROJ

Kun granda ĉeesto de reprezentantoj de la Esperanto-Grupoj de Katalunio, kunvenis la 8-an de decembro en la societo "CENTRO DE ESPERANTO SABADELL" kun la celo elekti la unuan Kunordigan Komitaton en Katalunio de HEF, kaj plani komunan agadon por atingi plian sukceson ol antaŭe, pri la disvastigado kaj uzado de Esperanto tra la menciita regiono, ĉar nun la agado de multaj E-grupoj ne sukcesas tiel grade kiel oni deziras. Jam Llibert Puig, okaze de sia interveno dum la ĝenerala kunveno de HEF en Lerido dum la XXXV-a Hispana Kongreso de Esperanto, proponis jenan solvon: "Organizi Delegacion aŭ Komisionon de HEF, en ĉiu regiono kie pro la granda florado da grupoj oni necesas kunordigi la agadon de ili kaj HEF". Tiel do danke al la kontaktoj de Petro Nuez, voĉdona membro de HEF por Katalunio kaj Balearoj kun la HEF-estraro, lanĉis la ideon kaj kunvokis la reprezentantojn de la E-grupoj.

Malfermis la kunsidon Petro Nuez; li informis la ĉeestantaron pri la lastaj kontaktoj kun HEF kaj klarigis la celojn de la estonta K.K.K. kiuj esence estas:

1. Plifortigi "Hispanan Esperanto-Federacion" per varbado de novaj membroj.
2. Kunhelpi kun "HEF" en la disvastigado de la Internacia Lingvo tra katalunaj kaj balearaj provincoj.
3. Ebligi kontaktojn inter la diversaj katalunaj Grupoj por interŝanĝo de ideoj kaj programoj, kiujn ni submetos al la konsidero kaj aprobo de la HEF-Estraro.
4. Instigi izolulojn starigi kursojn kaj Esperanto-Grupojn en vilaĝetoj kaj urboj de la supre menciitaj provincoj.

Ĉiuj reprezentantoj akceptis unuanime la punktojn de la tagordo kaj aprobis la organizadon de K.K.K. laŭ la jenaj komitatanoj:

Prezidanto:
Petro Nuez,
Frenería, 1
Barcelono-2

Vicprezidanto:
Llibert Puig,
Guell i Ferrer, 223,
Sabadell

Sekretario:
Salvador Aragay,
Bassegoda, 40-3-1,
Barcelono-14

Vicsekretario:
Rafael Devis,
Sicilia, 264-E, 2-3-C,
Barcelono-13

Voĉdonantoj:
José Franquesa,
José Masías,
Miguel Arbona



**Legado de la celoj de K. K K.**

Ankaŭ aprobis la jenajn aferojn:

- Organizi la 18-an Katalunan Esperantistan Renkontiĝon en VALLS (Tarragono).
- Oni utiligos la financan profiton de la antaŭaj Renkontiĝoj (4.500 ptoj) por la agado de K.K.K.
- Okazigos komitatan kunvenon de K.K.K. la 29-an de februaro.

Nome de la ĵus elektita Komitato, Llibert Puig, dankis la ĉeestantojn pro ilia intereso pri la temoj traktitaj kaj ilia konfido kun la samideanoj kiuj prenis sur sin la diversajn postenojn de K.K.K.

*Sekretario de K.K.K.*

# NIAJ GRUPOJ

## BURGOS NOVA GRUNDO

Dum la lastaj monatoj, la esperanta semo trovis bonan grundon en la historia kastilia ĉefurbo Burgos. Fervora entuziasmulo, Adolfo Alvaro, post plurjaraj klopodoj, nun gvidas esperantan kurson kun la mirinda nombro de ĉ.60 junaj gelernantoj. Por la klasoj estas disponigita ejo en la Ina Mezlernejo.

Por apogi tiun ĉi burĝonon de esperanta vivo, helpita jam antaŭe de unuopaj esperantistoj kaj diversaj grupoj, kunvenis en Burgos la 6,7 kaj 8-an de Decembro membroj de la grupoj de Madrido, Palencio, Santander, Renterio, Valladolido kaj Bilbao.

La nombro da vizitantoj estis ege kontentiga: pli ol 90.

La etoso, kiel ĉiam amika, estis des pli simpatia inter la multnombra junularo, tiel loka kiel vizitanta. Aktivaj HEJS-anoj sukcese varbis novulojn.



**Renkontiĝo en Burgos**

Resume, mi certas, ke mi esprimas la kontenton de la ĉeestintoj dirante, ke ili ĉiuj apogus proponon por ke Burgos gastigu la nacian kongreson de 1977. Tiel estu!

*ASIER*



## ZAMENHOF FESTO KAJ TAGO DE LA ESPERANTO-LIBRO EN BARCELONO

Organizita de la Esperanto-Grupoj de Barcelono, okazigis brilan feston en la sidejo de "Club d'Amics de la UNESCO" la 20-an de decembro. Kiel la antaŭa jaro, la ĉeestado estis multnombra, 80 esperantistoj, kaj esence la programo estis la jena:

Je la 18-a horo, inaŭguro de la ekspozicio pri Esperanto-libroj, kiu estis organizita de M. Vilagrán.

Je la 19-a horo, salutis la ĉeestantaron kaj prezentis la diversajn erojn de la programo R. Guiñón, kiu orde kaj vigle prezentis al la publiko la partoprenantojn jenajn:

**Tago de la Esperanto-Libro en Barcelono**



[illegible] Espana prelegis pri "Regula Es[illegible] [illegible] pri sia lasta tradukita eldonita [illegible] Soldevila (du teatrajoj).

[illegible] Silvia Montala, deklamis poemon [illegible] "Belegaj Montoj". L. Izaguirre prezen[illegible] etan historion de la kataluna poeto J. Verdaguer kaj pri unu el siaj plej famaj verkoj "Sanga Nokto"; samtempe li klarigis al la aŭskultantaro la tragikan tagon laŭ la historio, kiu inspiris al la poeto lian poemon, kaj analizis la esperantan tradukon farita de [illegible] en "Kataluna Antologio", [illegible] deklamis la poemon "Sanga Nokto".

Junulara Grupo gvidata de Pedro Mercader kaj L. Izaguirre kantis esperante kaj sigelis bonhumore la literaturan feston.

Kiel lasta ero de la programo, la klubo invitis ĉiujn ĉeestantojn gustumi etan kunmanĝadon kaj refreŝigaĵojn.

---

## OMAĜE AL D-RO ZAMENHOF EN MADRIDO

Kiel oni jam kutimas de antaŭ kelkaj jaroj, oni festis la datrevenon de la naskiĝo de nia Majstro D-ro Zamenhof. Tiu ĉi jaro, la Estraro de "Hispana Esperanto Federacio" organizis du prelegojn, kiuj okazis en sia Centra Sekretariejo.

La 15-an de decembro je la oka vespere, D-ro Francisco Azorín prelegis en hispana lingvo pri la temo "De Babel a Bialystok"; la preleganto prenis tiujn du nomojn kiel simboloj de la konfuso de la lingvoj kaj de ĝia solvo pere de Esperanto, kies kreinto naskiĝis en tiu lasta urbo.

La dua prelego okazis la 19-an je la sama horo; tiufoje la preleganto estis la Prezidanto de HEF Profesoro Angel Figuerola, kiu temis hispane "Afinidades en la obra de dos figuras egregias de la Humanidad, Luis Braille y Lázaro Luis Zamenhof".

Ambaŭ prelegoj interesis la aŭskultantaron kaj la prelengantoj respondis plurajn demandojn.

La 13-an, organizita de "Madrida Esperanto-Liceo", okazis komuna vespermanĝo en populara restoracio; la ĉeesto de novaj kaj junaj esperastistoj donis al la etoso specialan kaj simpatian karakteron.



**La eksprezidantoj Kas la nuna prezidanto**

La Esperantista Societo de Tenerifo, kies sidejo estas en la universitata urbo La Laguna, celebris ĉi-jare la naskiĝon de Zamenhof, kiu estas la Esperantista Librotago, per ekspozicio en montrofenestro de la plej granda librovendejo de la urbo, nome "Librería Lemus", apud la Universitato, de gravaj verkoj de nia originala kaj tradukita literaturo. La ekspozicio daŭris du semajnojn kaj altiris la atenton de multaj homoj. Ni akompanas bildon de la koncerna montrofenestro.

Konekse kun tiu festo, la Societo organizis vespermanĝon en restoracio de apuda komunumo, meze de decembro. Ĝin partoprenis la konata brita samideano Norman Williams, kiu hazarde feriis en Puerto de la Cruz. Ĉeestis ankaŭ samideano loĝanta en Venezuelo, kiu vizitis la insulon dum la kristnaskaj festoj.

La 21-an de decembro, la Societo elektis novan estraron, kun danko al la estinta. La estraron por la nuna jaro konsistigas jenaj gesamideanoj:




**LA LAGUNA TENERIFO.— Parta vidaĵo de montrofenestro de Librería Lemus, okaze de la Esperantista Librotago, decembro 1.975.**

Prezidanto:
Antonio Leandro TRUJILLO CASAÑAS,
Licenciito pri Sciencoj.

Sekretario:
Antonio FERRER HERVÁS,
Licea Profesoro pri Desegarto.

Trezoristo:
Antonio SUÁREZ RODRÍGUEZ,
Teknika Konstruinĝeniero.

Bibliotekisto:
Juan MARTÍN HERNANDEZ,
Ŝuisto.

1.ª Voĉdonanto:
Nicolás PÉREZ ÁLVAREZ,
Mekanikisto.

2.ª Voĉdonanto:
Amparo FERRER HERVÁS,
Universitata Studentino (Farmacio).

3.ª Voĉdonanto:
Miguel Ángel MACHADO GONZÁLEZ,
Industriisto.

4.ª Voĉdonanto:
Marcos ESTÉVEZ YANES,
Direktoro de Lerneja Grupo.

---

## LA FESTO DE ESPERANTO EN VALENCIO

Kiel kutime, la valenciaj esperantistoj festis la datrevenon de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof per diversaj faktoj, tiel sentaj kiel kulturaj. Sabaton, la 13-an de decembro, pli ol sepdek gesamideanoj kuniĝis en frata vespermaĝo, kaj, ĉe la fino, D-ro R. Herrero kaj la prezidanto de la Grupo, Johano Devis, emfazis pri la signifo de la agoj de D-ro L.L. Zamenhof. Salutis la ĉeestantaron R. Canet, reprezentante la esperantistojn de Alicante; E. Arnau, tiujn de Cheste; A. Sarrió, la lernantojn de la 2-a Kurso, kaj, nome de la komencantoj de la klaso de F. Navarro, la ĉarma knabino C. Palau, kiu emociis ĉiujn per sia sentiga kaj bela paroladeto, kiu estis dense aplaŭdita.

Poste, ne povis manki la atendita parolado de nia samideano V. Lleonart, kiu, kiel ĉiam, en valencia lingvo, kiun li mastras, gapigis nin kaj reliefigis la ĉefajn trajtojn de nia komuna celo.

Dimanĉon, la 14-an, multaj samideanoj ĉeestis en la meso pro rememoro al forpasintaj samideanoj, kaj poste, laŭrokrono estis metita sur la strattabulo kiu surportas la nomon de D-ro Zamenhof. Tio farita, oni kantis la unuan strofon de "La Espero".

Preskaŭ ĉiuj sin turnis, poste, al la tombejo, kie ili surmetis laŭrobranĉeton ĉe la steleoj de konitaj esperantistoj.

Lundon, la 15-an, D-ro Herrero faris prelegeton al la kursanoj, klarigante al ili la ĉefajn trajtojn de la agado de D-ro L.L. Zamenhof, kaj liajn meritojn por esti konsiderata kiel giganta figuro inter la bonfarintoj de la homaro. Kaj klarigis ke, en tiu momento jam forpasis pli ol dudek kvin jaroj de la fondiĝo de "Esperantista Mikrofono" de "La Voz de Levante", kiu, ĉiusemajne divastigas Esperanton en Hispanujon, fariĝinte, tiel, la plej malnova elsendo pri nia lingvo, en nia lando. Li diris ke tio ne estus ebla sen la bonvolo kaj favora inklino de M. Vidal Alonso, nuna Direktoro de "La Voz de Levante", sidanta ĉe sia maldekstra flanko, por kiu le petis fortan aplaŭdon, kiu estis abunde havigita al la omaĝito.

M. Vidal Alonso, dankis sincere kaj promesis daŭrigi apogante Esperanton, ĉar li opinias ke ĝi estas forta morala movado, kiun ĉiuj devas favori. Johano Devis proponis al s-ro Vidal artan arĝentan pladon, per kiu la "Valencia Grupo" nomas s-ron Vidal, Honora Membro de la Grupo.

## FIDO KAJ ESPERO VALLADOLID

Tri tagojn dauris la solenaĵoj en la grupo "Fido kaj Espero" en Valladolid.

Dimanĉe, 14-an de decembro, okazis Esperanto-meso kaj komuna bankedo, lunde kaj marde, prelegoj en la hispana kaj Esperanto, respektive de E. López pri "Zamenhof, lia epoko kaj evoluo de Esperanto en la mondo" kaj de M. Cantalapiedra pri "Zamenhof, lia vivo kaj familio".

---

## ZAMENHOFA TAGO EN SABADELL

Ĉijare, la Zamenhof Tago en Sabadell estis eksterordinara ĉar samtempe, niaj tieaj samideanoj festis la dudekkvinan jaron de la fondiĝo de la esperantista societo "Centro de Esperanto Sabadell", kaj celebris la omaĝon al ties eksprezidantoj, kiuj antaŭenpuŝis Esperanton en Sabadell ĝis atingi la nunan floradon.

La festo okazis dimanĉe la 22-an de decembro en la Aŭditorio de la Komerca Ĉambro, kaj faris la prezentadon Llibert Puig, kiu unue dankis al la esperantista trupo el gejunuloj kaj infanoj de la Centro ilian partoprenon en la festo, instigis ĉiujn anojn de la grupo, ke ili ne estu pasivaj, ke ili partoprenu en ĉiujn aranĝojn kaj havu kiel fundamentan celon la ĉiutagan interkompreniĝon per tiuj du esperantistaj virtoj: la toleremo kaj la homaraneco.

Sekve, la trupo de geinfanoj de "Centro de Esperanto Sabadell" sub la gvido de Magda Clerch, kantis tri kanzonojn en Esperanto kaj tuj, kiel plenaĝulo, prenis la parolon Antonio Criach. Li faris resumon de tiu longdaŭra tempo, dudek kvin jaroj, en la agado de nia societo por la ideo de kreado de neŭtrola tutmonda lingvo por ke senpere ĉiuj popoloj povu rilatiĝi kaj interkompreniĝi. Li memoris, ke antaŭ dudek kvin jaroj, la esperantista aktivado estis iniciata en Sabadell kiel fako de la ekskursa societo "Terra i Mar", poste la sidejo estis ĉe la Kooperativo. Li menciis diversajn okazaĵojn en la disvolviĝo de Esperanto en Sabadell, kaj pledis por ke tiu "Centro" havu propran sidejon, t.e., sufiĉe vastan salonon por kunvenoj kaj ceteraj aranĝoj, prelegoj, teatraĵoj kaj eĉ dancado.

Poste kiel reprezentanto de la mezaĝuloj, parolis Llibert Puig. Li diris, ke ne parolos pri la historio de la "Centro de Esperanto Sabadell" dum tiuj dudek kvin jaroj, ĉar la artikoloj de "Sabadell Esperantista" oni jam aperigis ĝin. Li rakontis pri sia esperantista aktivado: Li estis varbita de Folch; tiam li estis ankoraŭ fraŭlo kiam ĉeestis la esperantan klason de Jaume Viladoms. Dum dek sep jaroj li senhalte, krom la periodo de la soldatservo, estis estrarano de la societo; kelkfoje en periodoj pesimistaj, li kunvenis tute sola. Nun ni travivas feliĉan periodon ĉar estraranoj kunhelpas kaj aktivas. Tamen, sendube la afero sukcesos plie, se ĉiuj membroj partoprenas en la aranĝoj.

Li petis al ĉiuj, ke en tiu solena momento, ni memoru kvar aktivulojn: Jaume Folch (kiu aktivis en la ekskursa societo "Terra i Mar"), Ferrán González, Domenec Vallés kaj Salvador Esteve.

Li fine diris: Mi devas speciale danki mian edzinon. Si akceptis kaj faciligis mian aktivadon. Oni devas konstati, ke la edzinoj influas

negative aŭ pozitive en la aktivadon de siaj edzoj. Mia edzino, tiuaspekte, favoris pozitive; tiel do, dankon al ŝi.

Nome de la junularo parolis Francesc Barata. Li faris resumon de la ĝenerala aktivado de la junularo de kiam fondiĝis la junulara grupo en 1970. Ili aktivas en junularaj renkontiĝoj, en la formiĝo de Teatra Trupo, reprezentado de teatraĵoj en la Naciaj Kongresoj, kunlaborado en "Sabadell Esperantista", kontaktoj kun aliaj junularaj grupoj, kun HEJS kaj kun TEJO pri la internacia movado. Li petis, ke en nia agado partoprenu la ĵus alvenintaj kaj dankas la antaŭajn esperantistojn pro siaj brilaj agadoj, kaj por fini, li petas de ĉiuj, protektadon kaj helpon al la junularo, ĉar ili estas la estonteco.

Finis la prezentadon de esperantistaj aktivuloj la infano Hector Viladelmás. Post la saluto, li diris, ke antaŭ lia naskiĝo, aliaj homoj laboris. "Mi ne scias la laboron faritan dum tiu ĉi dudek kvin jaroj. Mi komencas lerni Esperanton kaj mia deziro estas fariĝi esperantisto. Esperanto donas la eblecon havi amikojn en aliaj landoj. Mi promesas daŭrigi la lernadon. Esperanto ne mortos, antaŭen! ."

Sekvis distraĵo. Infano deklamis poezion kaj la infana trupo ludis la skeĉojn: "Unu filo sed leono". Josefina kaj Rosario "Konfeso"; Roger "La kuŝanta mondo"; Silvia kaj Isabel "Patrino kaj filino" kaj Mari kaj Encarnación "Diris al mi". Jordi ludis per fluto "Silenton" kaj "Sanktan Nokton".

Nia avo Sebastià Chaler, post kelkaj vortoj en omaĝo al la "Centro", deklamis poeziaĵon kaj rolis popolan rakonton.

Sekvis intermeza paŭzo, ĝenerala babilado kaj aĉetado de Esperantaj libroj, kaj la novaĵo de la libro "Tamen, civilizitaj" kaj "Neĝobulo" tradukitaj en Esperanton el la kataluna de L. Mimó, du komedioj de Carles Soldevila.

En la dua parto de la aranĝoj, unue disertaciis Petro Nuez, kies prelegon ni publikigas en la sekvanta paĝo.

Poste suriris la scenejan podion la omaĝotaj eksprezidantoj Jaume Viladoms, Ramón Manau, Vicente Hernández, Miguel Farreres, José Borda kaj la filino Diana de Fernando González, bedaŭrinde jam forpasinta. Llibert Pui ilin prezentis kaj al ili disdonis la omaĝajn medalojn.

Nome de ili, Hernández Llusera dankis pro la omaĝo.

Poste, la junulara trupo kantis kanzonojn kaj sekvis la geinfana ĥoro, kiu finis sian ludadon per la "Espero" kun akompano de ĉiuj ĉeestantoj. Oni disdonis globetojn al la infanoj, kelkaj brue eksplodis, kaj per tio, ĝoje finiĝis la ikazaĵo.

Sekvis en restoracio frateca kunmanĝado kaj sinsekva adiaŭo: Prospere antaŭen, ĝis la venonta jaro.

Giordano Moya

---

**NOTICIA IMPORTANTE**

*Nos complacemos en informar a todos los federados que, gracias a la gestión llevada a cabo pacientemente durante algún tiempo por don Felipe González del Pino, con la valiosa colaboración de don Antolín Colmenar Rivero, ha comenzado a funcionar bajo la denominación de ACADEMIA SEVILLANA DE ESPERANTO (Sol, núm. 75, Sevilla-3), la institución esperantista que se esperaba con gran ansiedad para la reorganización del movimiento esperantista español en aquella zona. Consideramos con júbilo este hecho, recordando el VII Congreso Español de Esperanto en Sevilla, celebrado en 1928, de gran importancia por la labor realizada y por la especial circunstancia de su Presidencia de Honor.*

*Esta Entidad esperantista impartirá cursos de esperanto regularmente a partir del 16 de febrero.*

*Les deseamos el mayor éxito a los señores González del Pino y Colmenar Rivero (miembros de nuestra Federación) y les hacemos patente en nombre de ésta la felicitación más sincera.*

---

**NI FUNEBRAS.–** S-ro Francisco Azorín, Arkitekto, altranga esperantisto kaj Delegito de Universala Esperanto Asocio en Meksiko.

Forpasis en ĉi tiu urbo la 27-an decembro 1975 nia altŝatata samideano kaj amiko S-ro Francisco Azorín. Ni esprimas nian kondolencan senton al lia familio, speciale al sia filo D-ro Francisco Azorín Poch, membro de Hispana Esperanto-Federacio.

En proksima numero ni priskribos detale iliajn meritojn en la Esperanto-Movado.

---

**NI GRATULAS.–** La 15-an de januaro naskiĝis la dua fileto de nia samideanino S-rino Conchita López Hernández, kiu ricevis la nomon Ezequiel. Ni gratulis la gepatrojn kaj geavojn S-roj López Serna kaj deziras al li bonsukcesan estontecon.

## DONATIVOS PARA EL F.A.L.P.
(Fondo para la adquisición del local en propiedad)

—

| | |
|---|---|
| **Suma anterior** | **440.842** |
| Salvador Arnella | 1.000 |
| Gerardo Flores | 30.000 |
| Lázaro Rubio Martínez | 500 |
| Esperantistas de Barcelona | 3.000 |
| José Arroyo García | 600 |
| José M.ª González Aboín | 25.000 |
| Rodolfo Canet | 500 |
| Manuel Manteca | 5.000 |
| Total | 506.442 |

---

## DONATIVOS PARA EL BOLETIN 1975 (final)

—

| | |
|---|---|
| **Suma anterior** | **7.429** |
| Paco kaj Amo | 50 |
| J. Palmero | 50 |
| José Ventura | 50 |
| Giordano Moya | 100 |
| Pedro Saumell | 250 |
| Alfonso Bernaldo de Quirós | 100 |
| Rafael Herrero | 250 |
| Rosario Romero | 150 |
| Juan Oliveras | 50 |
| Miguel Vilagrán | 50 |
| Alfonso Escamilla | 100 |
| Víctor Ortiz | 250 |
| Jaime Perarnau | 250 |
| María José Regolf | 500 |
| Julio Osuna | 50 |
| Miguel Manteca | 200 |
| Clementina Tranque | 500 |
| José Requena | 50 |
| Total | 10.429 |

## DONATIVOS PARA EL BOLETIN 1976

—

| | |
|---|---|
| Familia Criach | 450 |
| Liberto Puig | 50 |
| José Gispert | 50 |
| Antonio Bohigas | 25 |
| Julio Osuna | 50 |
| Manuel Díaz Camacho | 150 |
| Alberto Sánchez | 50 |
| Francisco Alsina | 50 |
| María Alsina | 50 |
| José Roig | 50 |
| Agustina Roca Vda. de Rebollo | 50 |
| Manuel Ruiz Maza | 100 |
| Pedro Saumell Vila | 100 |
| Juan Figueras Font | 200 |
| Angel Díez García | 50 |
| Eduardo Larrouy López | 50 |
| Tomás Apráiz Riberas | 50 |
| Cecilia Gutiérrez de Apráiz | 50 |
| Juan Devís Calpe | 50 |
| Francisco Pérez Callejón | 50 |
| Equipo Ciclista "Esperanto" de Málaga | 100 |
| José de la Cruz Febrero | 50 |
| Francisco Montiá Martínez | 50 |
| Luis de Otaola Faón | 50 |
| Rafael Herrero Arroyo | 400 |
| Ernesto Roca Genescá | 50 |
| Pilar Sáiz Vaquero | 100 |
| Total | 2.525 |

### CUOTAS DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Dumviva Membro:**
**5.000 ptas. una sola vez**
**Socio Protector:**
**400 ptas. anuales**

**Socio Abonado:**
**250 ptas. anuales**

**Socio Numerario (sin derecho a recibir el Boletín de HEF):**
**100 ptas. anuales**

## NUEVOS "DUMVIVAJ MEMBROJ"

Núm. 20. Antonia García Montemayor (2328).
Núm. 21. Héctor-Luciano Figuerola Palomo (2173).

---

## RELACION DE SOCIOS PROTECTORES DE HEF PARA 1976

1. Antonio Criach Valls (830).
2. Antonia Galbany de Criach (1317).
3. Eleuterio Moreno García (998).
4. Institución Sindical de Málaga (1345).
5. José Arroyo García (893).
6. Manuel Ruiz Maza (40).
7. Pedro Saumell Vila (2175).
8. José Ramón López Tejerina (2340).
9. Juan Figueras Font (1007).
10. Santiago Manrique Baldero (500).
11. Rodolfo Canet Marín (477).
12. Juan Bosch Fornals (10).
13. Juan Moretó Raventós (2169).
14. Pedro González Cantero (1561).
15. Pilar Sáiz Vaquero (2220).

---

## INFORMOJ PRI NIAJ SEKCIOJ DE HEF

**Fervojista.**—Hispana Esperanto-Fervojista Asocio, str. Ronda San Antonio, 46-50, 2-4, Barcelono-11.

Scigas nin, ke la lastaj aranĝoj por la organizado de la 17-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno estis jam finitaj. Ĉeestas al la inaŭguro pli ol 50 gesamidesnoj, kiuj devenas el Italio, Francio, Germanio, Nederlando, Belgio kaj Hispanio. La tago estas frosta sed brila. La "Pirinea Montaro" aspektas kiel en la plej bona epoko de la vintro. Post ĉi skisemajno, kiu daŭros de 8-a ĝis la 13-a de februaro en "La Molina" ni sciigos al vi pri la aranĝoj pli interesaj.

---

Dum junio de la 12-a ĝis la 18-a okazos en Skellefteä (Svedujo) la 28-a Kongreso Internacia Fervojista Esperanto — Federacio. Mendu aliĝilojn al la adreso de HEFA.

---

**Junulara.**—Hispana Esperanto Junulara Sekcio, str. Barrencalle Barrena, 7-1, Bilbao-5.

El niaj aktivecoj, ni mencias la regulan aperadon de "HEJS-bulteno", kiu en la lastaj numeroj, oni plibonigas sian enhavon kaj aspekton, kaj ni esperas eldoni specialan numeron kiam ni atingos, en la somero, la numero 100.

HEJS-estraro invitas ĉiujn gejunulojn partopreni en la "2-a HEJS-Tendaro" en Santander de la tago 15-a ĝis la 18-a de aprilo. La programo certe estos alloga kaj agrabla. Pro tio, pripensu viajn eblecojn HEJS-geanoj.

Sendu viajn kotizojn (150 aŭ 200 pesetoj) rekte al la konto de Bilbao "Banco de Vizcaya" n-ro 01-332235-5 aŭ per poŝtmandato al nia konto n-ro 00569143 de "Caja Postal de Ahorro" ankaŭ de Bilbao.

# Indibilo kaj Mandonio

**Kataluna popollegendo**

En la pasintjara kongresurbo Ilerdo (Lerido), la kongresanoj havis la okazon preterpasi kaj admiri multfoje imponan bronzan monumenton reprezentantan du fratajn praheroojn, kiuj estis Indibilo kaj Mandonio. Belan bildon pri tiu skulptaĵo oni presis sur la frontpaĝon de la kongreslibro, do oni povas rememori ĝin pli facile kaj fidele.

Popola legendo parolas al ni pri ili, laŭŝajne tro fantazie kaj ne ĝuste vere, flanke de la certaj historiaj faktoj.

Oni diras...

oOo

Kiam la Romanoj invadis la Iberan duoninsulon, la enlandanoj, ĝenerale, akceptis vole-nevole la fremdan armeon evitante militadi, sed la Ilergetoj(*) kontraŭbatalis obstine. Du fratoj, nome Indibilo kaj Mandonio, suprenlevis patrolandan standardon por instigi la popolon al defendo, kaj varbi pli-malpli grandan improvizitan taĉmenton, kiu baldaŭ altrudis grandan penadon al la invadintoj. Sed la klopodado de tiu aro da kuraĝuloj estis kvazaŭ busbloveto kompare la forton kaj antaŭenpuŝon de tiuj spertaj kaj gloraj legioj, kiuj, fine, konkeris la tutan regionon. Indibilo kaj Mandonio estis kaptitaj kune kun siaj respektivaj familianoj, same kiel la plej granda parto de tiuj enlandaj kontraŭstarantoj. La venkintoj kondukis ilin al Barcelono kun la celo meti ilin en la plej malhelajn kaj mucidajn prizonojn.

Indibilo havis tri filinojn, kiuj, laŭdire, estis tiel belaj kiel la suno. Mandonio estis edziĝinta kun la plej ĉarma kaj bela virino de la tuta lando. La rara beleco de tiuj kvar virinoj vekis, neintence, fian instinkton al la koro de la roma militestro Scipiono, kiu deziris pasie ilin. Sed la filinoj de Indibilo preferis morti anstataŭ submetiĝi al tiu perforta volo: ili memmortigis sin. Tamen, la edzino de Mandonio ne kapablis esti tiel virta kaj heroa.

Post longe, kiam la kaptitaj ilergetoj estis senpacience atendantaj en Barcelono kian sorton estos la sia, ili estis eligitaj el la malliberejo kaj kondukitaj al marbordo. Entute, ili sumis kvarcent homoj.

Dum la soldatoj, sur la plaĝo, estis atendantaj ordonojn por la tuja enŝipiĝo el la urbo, kurante kaj anhelante, alvenis virino kiu celis la kaptitaron. Ŝi demandis tre laŭte ĉu inter ili troviĝas la du ilergetan ĉefoj. Ili, tujtuje respondis jese la virinan demandon, prezentante sin al ŝi. Mandonio rekonis ŝin, sed nenion pri tio li diris, kvazaŭ ŝi estus por li ankoraŭ nekonata persono. Ŝi, evidente, aspektis tre maljuniĝinta pro siaj jam blanka hararo kaj vizaĝo plenfalta.

---

(*) Ilergetoj: Praloĝantoj de la nuna regiono Lerido.

Ne identigante sin, ŝi rakontis pri la fakto ke la edzino de unu el la plej veraj patriotoj estis delogita de iu Romana militestro, kaj ke ŝi tiam ne kuraĝis rifuzi lian amoron, kaj ke per sia konduto ŝi, certe, malhonoris la geedzecan fidelecon kaj, samtempe, sian patrujon. "Tiu virino —daŭris rakontante la edzino de Mandonio— vivas ankoraŭ." La virino plie aldonis: "Mi venis nun ĝis vi, por ke vi verdiktu pri kian punon tiu malfidelulino indas."

Mandonio kaj la aliaj, kriis unuvoĉe dirante ke ŝi elmeritas la morton. Eksciante la edzino tiun respondon, ŝi eligis ponardon el sia brusto kaj liveris ĝin al sia edzo por ke li enŝovu ĝin al ŝi. Tiam, sciiĝante la heroo pri la mallojaleco de sia edzino, li ponardbatis ŝin senkompate. Kaj, sekve, per la sama armilo li ekatakis kun tiom da furiozo la soldatojn, ke li trafe mortigis la duonon el ili. La restantaj, pro tiu subita, furora kaj neatendita sturmo —kvankam unupersona—, fuĝis forlasante siajn postenojn. Tuje, tiu granda nombro da patriotoj povis eskapi profitante tiun favoran cirkonstancon.

Tamen, baldaŭ, la du fratoj troviĝis en tro malfavoraj kondiĉoj por ree kontraŭstari la superregadon de tiuj legiaj rotoj, sed ili ĵuris venĝi la malhonoron de la edzino kaj la mortiĝon de la tri filinoj. Indibilo kaj Mandonio eltondis siajn longajn barbojn por ke neniu povu ilin rekoni, kaj tiam ili kune serĉis kaj trovis la ŝancon enŝipiĝi por alveni al la palaco de la Imperiestro, kun la intenco murdi lin.

Kompilis:
**Gabriel Mora i Arana**

---

# INFORMES DE KONTAKTO

## "KONTAKTO" REVUO DE TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO

Du novaj numeroj de "KONTAKTO" kuŝas en nia labortablo post atenta legado, kaj oni povas konstati ke enhave kaj stile tre plaĉis al ni. La nova ĉefredaktoro, Giorgio Silfer, en la numero 45/46 salutas la legantojn, kaj pere de interesa artikolo, studas la problemojn, de la porjunula gazetaro; trafe li prezentas diversajn problemojn de la E-gazetaro, kaj precipe, pri "KONTAKTO", prezentas skemon pri la redakcia strukturo, administrado, promociado kaj produktado.

Kiel profesiulo en redakciaj postenoj, li vere sukcesis en la enhavo, prezentado, kaj distribuado de la artikoloj en la revuo.

Tradicie, nur restas makulo: "La neregulеco" en la ekspedado de la revuo. Se la nuna strukturo de TEJO-UEA rompas la neregulecon kaj atingas seriozan promociadon kaj distribuadon de "KONTAKTO", certe tiu ĉi revuo atingos altan lokon en la E-movado.

Agrabla surprizo estas konstati ke du redaktoroj hispanaj helpas al la ĉefredaktoro: HEJS-vicprezidanto, Miguel Gutiérrez kaj Juan Azcuénaga. Laŭdoj al ĉiuj pro la lasta numero de "KONTAKTO".

Por proponi artikolon kaj kunlaboron skribu al: KONTAKTO p, 1.242. 70101, Kuopio 10, Finnlando.

## REDAKCIA REGULARO

Aprobita de la TEJO-Komitato en Fredericia, 1975-07-20.

1. KONTAKTO estas socikultura revuo fondita de TEJO, junulara sekcio de UEA.
2. La Estraro de TEJO funkcias kiel Administra Konsilantaro de KONTAKTO. La Estraro kontrolas la agadon de la administra kaj morala respondeculoj de la revuo, kiuj prezentos siajn raportojn almenaŭ por unu fojo en jaro okaze de la IJK.
3. Pri la enhavo de KONTAKTO respondecas la ĉefredaktoro, nomita de la estraro de TEJO kaj konfirmota aŭ eksigota ĉiujare, prefere okaze de la IJK.
4. La ĉefredaktoro havas plenan rajton elekti novajn membrojn de la Redakcia Stabo. Same li povas eksigi la malnovajn sed nur se la Estraro de TEJO konsentas.

## APERIS INFORMILO PRI LA TEJO-KONGRESO

Pri la 32-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO, okazonta de la 24-a ĝis la 31-a de julio en la nordgreka urbo Tesaloniko, aperis 6-paĝa ilustrita faldfolio, kiu enhavas bazajn informojn, kotiztabelon kaj aliĝilon.

Interesitoj petu ĝin de la adreso de LKK en Ateno: Poŝtkesto 3766, Poŝtoficejo Levidu, ATENO, GREKUJO.

Ankaŭ por la IJK estas anoncita kiel oficiala flugkompanio la greka Olimpika, kiu siaflanke kontribuis al la organizo de la IJK per nombro de senpagaj enlandaj flugoj.

---

## II-a HEJS TENDARO EN SANTANDERO

**Dato:** De la 15-a ĝis la 18-a de aprilo 1976.
**Kampadejo**: Camping Municipal "Bellavista".
**Temo**: "Estonteco de la esperanta movado".
**Aliĝkotizo**: HEJS-geanoj, 200 ptoj, ne-membroj, 250 ptoj.
La kotizo kovras la kutimajn kampadajn elspezojn (individuo, tendo). Aliaj eroj estos aparte pagitaj (aŭto, ĉambro).
**Konstanta adreso**: Miguel Gutiérrez Adúriz. Florales, 57-2.ª, C. Santandero, Telf. 942-23 60 67, Hispanio.

## ESPERANTO EN VATIKANA RADIO

Ĵus, Antonio de Salvo sciigis nin ke la Vatikana Radio decidis enkonduki Esperanton en la koncernaj radio-elsendoj.

Interesuloj, skribu al Radio Vaticano, Ciudad del Vaticano, Roma, Italia; gratulante la decidon kaj samtempe petante la horaron de la estontaj "meditoj" en la internacia lingvo.

## DEZIRAS KORESPONDI

Charo Vives Sanfeliu, str. Vallirana 79-81, 2.ª, Barcelono-6, Hispanio.
Studentino 21-jara. Tre interesita pri la temoj kiuj dediĉitaj al la kreado de agrablaj moralaj interrilatoj okaze de kunvenoj kaj oficialaj aranĝoj.

# VORTAJ NUANCOJ

*Ludoviko de Izaguirre*

*La celo de tiu ĉi kaj sekvontaj artikoletoj estas priskribi la malsimilecon inter la sencoj de kelkaj problemaj vortoj. Kiel pravigilon mi uzas P.I.V. —on, atentigante, ke mi priesploras kaj prezentas ne ĉiujn sencojn de la koncerna vorto, sed tiujn kiuj rilatas al la komparita(j) vorto(j).*

*Unue mi prezentas 'rabi' kaj 'ŝteli'. La nuanco kuŝas en tio, ke 'rabo' ĉiam okazas* **per forto aŭ per minaco.** *Ni konstatu, do, ke plejofte, kiam ni diras 'ŝteli', ni pensas pri 'rabi' (se efektive okazis perforto aŭ minaco).*

*Due, ni cerbumu pri 'forta' kaj 'fortika'. 'Forta' signifas tia, ke ĝi havas grandan kapablon puŝi, tiri, rezisti, k.s., dum 'fortika' signifas tia, ke ĝi havas rezistan konsiston. 'Forta' montras* **aktivan** *kaj* **neaktivan** *kapablon, 'fortika' nur* **neaktivan kapablon.** *Tiu, kiu ne kapablas agi, ekzemple domo, nur povas esti 'fortika'; tiu, kiu kapablas agi, ekzemple homo, besto, grupo, ktp., povas esti kaj 'fortika' kaj 'forta'.*

*Trie, 'materio' estas tio, kies ekzistadon ni konas per la sensoj. 'Substanco' estas ĉiu aparta speco de materio. 'Materialo' estas ĉia substanco, el kiu la homa laboro produktas ion, aŭ al kiu ĝi donas apartan formon. Sekve de tio, 'materiismo' estas doktrino, laŭ kiu la materio estas la sola realaĵo en la universo, dum 'materialismo' estas kondutmaniero, celanta en la vivo nur la korpan komforton, la monajn profitojn,* **ks.** *Adepto de materiismo devas esti nomita 'materiisto', kaj oni nomu 'materialisto' homon, zorgantan antaŭ ĉio pri sia bonvivado.*

*Ofte ni ne scias, ĉu ni 'provas' aŭ 'pruvas'; ĉu io estas pruvebla, provebla aŭ probabla. Ni ne plu nesciu: 'pruvi' estas montri per rezonado aŭ per faktoj, ke io estas vera;* **'provi'** *objekton estas apliki ĝin al ĝia destino, por kontroli, ĉu ĝi taŭgas; 'provi' personon estas meti ĝin en malfacilajn kondiĉojn, ke oni vidu, ĉu ĝi estas tia, kia oni ĝin kredis. Oni povas pruvi opinion, aserton. Eblas provi veturilon, prezidanton, ktp.* **Provante amikon, oni povas pruvi ties amikecon.**

*'Provebla' estas tia, ke ĝi povas esti provita. 'Pruvebla' kaj 'probabla' estas vortoj, kies signifoj estas similaj, sed ne egalaj: 'pruvebla' estas tia, ke oni povas montri per rezonado aŭ per faktoj, ke ĝi estas vera; 'probabla' estas tia, ke por ĝia vereco ekzistas pli da motivoj, ol kontraŭ Ekzemple, la estonta venko de esperantismo estas afero* **probabla**, *sed ne* **pruvebla**, *ĉar neniu povas* **pruvi**, *ke certe en la estonto ekzistos iu ajn monda helpa lingvo, kaj ke nepre tiu ĉi lingvo estos Esperanto. Sed malgraŭ ĉio, tiu opinio, ke esperantismo atingos sian celon, restas* **probabla.**

*Fine, ni rimarku, ke 'vazo' estas ujo el diversaj materioj, de diversa formo kaj grando, destinita enteni* **ĉiajn likvajn aŭ solidajn** *substancojn, dum 'glaso' estas* **vazo por trinki.** *Ni plue konstatu, ke la tuto de 'vazoj' uzataj en unu domo nomiĝas 'vazaro' (mi iris en* **bazaron** *aĉeti* **vazaron**! ! ! ).

# Ni la esperantistoj!

Ni, la esperantistoj, havas kiel precipan celon propagandi nian lingvon Esperanto, sed por tion fari sukcese estas necese havi konvinkajn argumentojn, ne nur pri la taŭgeco de la lingvo, sed ankaŭ pri la socia rolo, kiun ĝi rolas. Krom tio ankaŭ ni bezonas fortigi nian esperantismon por ke ĝi ne estu plejparte fanatismo nek sole tempopasigilo. Esperanto, eĉ nur konsiderante ĝin el la lingva aspekto, estas gravega afero kaj de tiu graveco ni devas esti konsciaj. Nur la konscio ke ni laboras por afero tre grava por la homaro povas doni al ni la moralan forton por daŭrigi kaj akceli nian taskon fronte al la indiferenteco de la homamasoj kaj eĉ venki nian propran pesimismon.

Zamenhof kreis la lingvon Esperanto kaj plie diskonigis ĝin tra la mondo. En tiu ĉi dua tasko de disvastigado ni estas de li per propra volo la heredantoj. Varbitaj ni estis kaj varbantoj ni devas esti ĝis Esperanto fariĝos mondlingvo.

Ofte ni aŭdas argumentojn pri naturaj lingvoj kaj pri naturaj historiaj okazaĵoj. Ni povas respondi, ke ĉiu infano denaske nur scias plori, ridi kaj kriegi. La naturo nur donacis al ni grotojn, praarbarojn, dezertojn, sovaĝajn bestojn kaj energion nerekte utiligeblaj. Ĉion alian —lingvoj, moroj, ŝoseoj, havenoj, domoj, urboj, la tuta ilaro kaj la utiligebla energio— la homo devas elpensi kaj konstrui. Estas la civilizo. Tial ke ĝis nun ĝi disvolviĝis neplanizita, kreskis senzorge kaj iradis laŭ hazardaj okazaĵoj. Pri tio oni eltiris, ke tio estas la vera naturo de la socio. Laŭ tiu konsidero, analfabeto estas pli natura ol klerulo, sovaĝulo pli natura ol civilizita. Tiel estas bedaŭrinde la naturo. Ni, civilizitaj homoj, permane kaj cerbe devas kulturi la kampojn por nia nutrado, devas konstrui la domojn kaj ĉion alian por loĝi kaj vivi, kaj eĉ devas lerni la lingvon, kiun ni parolas. Se estus iu, kiu supozus, ke la lingvoj estas naturaj, ni povas respondi al li, ke se eĉ tio estus vere rilate la parolon, la tuta skribado, la tuta literaturo kaj ĉio, kion enhavas la libroj estas arta; tio estas civilizo kaj kulturo.

Pro tio estas ĝusta la celo de Zamenhof krei la lingvon kiel ilon por la paco. Ankaŭ tiel, la afero paco, kiel la afero milito, estas homa afero. Nature la homoj pugnobatas unu la alian senzorge, sen metodo. Por fari militon oni devas prepari ĝin, fabriki la armilojn kaj krei armeon. Por establi daŭran pacon ankaŭ estas necese komuna laborado kaj organizado por ĝin ebligi. Sed antaŭ ĉio, estas eĉ pli necese, ke la homoj amu la pacon kaj estu pretaj labori por ĝi kun simila penado, persisteco kaj sinofero, kiujn oni kutime dediĉas por la milito. Kaj tio vere rilatas al la interna ideo de Esperanto.

Ni povas antaŭvidi, ke la afero paca fiaskos se ni estas nuraj sopirantoj. Nur la agantoj lernas la lingvon Esperanto, nur agantoj povas konkeri la pacon. Laŭ la homa agado disvolviĝas la historio kaj se oni deziras la pacon estas necese labori por konstrui ĝin.

Jes, la afero kulturo kaj la afero historio en granda parto dependas de la homa agado aŭ konduto kaj en tio ni ĉiuj estas respondecaj. Pro la nerespondeco de la homoj ĝis nun, pro manko de scio, volo kaj agado, tiel draste kaj tragike iradis la historio. Sed tio ne ekskludas nin de nia respondeco. Ĉiu persono havas parton de respondeco, ĉar de ni dependas esti egoistaj aŭ altruistaj, fari nenion por la aliaj aŭ fari ĉion, kion ni povas, kaj en tio ni rilatas al etikaj vidpunktoj. La principoj moralaj detempe estas alte proklamitaj por ĉiu kaj por ĉiuj tempoj. Ilin sekvi dependas de ni, kaj la formo de aplikado, de la cirkonstancoj kaj de la epoko en kiu oni vivas.

Nia epoko bezonas nian lingvon kaj multe pli necesegas la unuigon de la homaro por establi firman pacon.

Oni povas vidi la esperantismon el diversaj vidpunktoj, kultura kiel lingvo, socia kiel ilo por la paco, etika kiel montrilo de agado individua kaj kolektiva, kaj tial agi konsekvence laŭ nia propra inklino.

Ni devas propagandi Esperanton, vastigi la movadon. Estas farenda granda tasko en la mondon, sed ankaŭ ni, kiel esperantistoj, devas ellerni la lingvon kaj havi konscion de la esperantismo, tiom por konvinki kaj varbi aliajn, kiom por firmigi nian konvinkon mem, se ni prave nomas nin esperantistoj.

*G.M.*

---

# 61-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Ateno-GREKUJO — 31-a de julio — 7-a de aŭgusto 1976**

## FILMO PLUVOJAĜAS

La kolorfilmo pri Grekujo kun Esperanta parolo, montrita en la UK en Kopenhago pasintjare, vojaĝas de lando al lando por varbi pliajn kongresanojn al Ateno. La aktuala vojaĝplano estas jena: 1976-01-21 Bruselo, 01-28 Kalmthout. 01-30 Antverpeno, 02-07 Tampere, 02-18 Roskilde, 03-13 Trieste, 04-17 Eidhoven, 05-01 Haugesund, 05-23 Sabadell, 06-15 Brno. Pliaj petoj estos konsiderataj laŭ eblecoj.

## BELARTAJ KONKURSOJ: SEN TRADUKOJ

En la tradukarto gravas ne nur la kvalitoj de la traduko mem, sed ankaŭ ĝia fideleco al la originala verko. Tio estas principo, kiu ĉiam prezentis problemojn por la juĝkomisiono de la Belartaj Konkursoj. Tiu komisiono, kiom ajn internacia kaj poliglota ĝi estu, neniel povas vere objektive kompari tradukojn el multaj diversaj naciaj lingvoj rilate la fidelecon al la originalo. Tial la komisiono decidis, ke ekde 1976 la literaturaj branĉoj de la Belartaj Konkursoj estos nur tri: originala poezio, originala prozo kaj originala teatraĵo. Konkursaĵoj antingu la sekretarion (s-ron Alec Venture, 55 Park Hill, Carshalton, Surrey, Britujo) antaŭ la fino de marto.

## DENOVE EBLECO LERNI LA CSEH-METODON!

Post dekjara interrompo, denove okazos en la kadro de la Universala Kongreso, seminario pri la instrumetodo de Andrec Cseh, la metodo, kiu havis tiel grandskalan sukceson en la intermilitaj jaroj. La arangô en Ateno estas plia signo pri la revigliĝo de la Internacia Esperanto-Instituto en Hago. La seminario daŭros kvar tagojn po 2 horoj tage, kaj al ĝi necesos aparte aliĝi. La partoprenintoj povos ricevi oficialan ateston de la Instituto.

## PLIAJ KARAVANOJ ANONCITAJ

Al la brita, beneluksa, skandinavia kaj japanaj karavanoj aldoniĝas du novaj: usona kaj jugoslava. Okcidentusona karavano estas aranĝata kun la oficiala flugkompanio Olimpia.

Partoprenontoj de la 32-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO en Tesaloniko povas eventuale profiti aŭtobusan karavanon de Zagreb en Jugoslavio, kiun organizas I.K.S. Zagreb.

